# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VII N.º 11 (83) NOVIEMBRE, 1955

## UN RECURSO ÚNICO

El idioma Esperanto, inventado por un sabio que, al propio tiempo, era un hombre de bien, tiene por objeto exclusivo posibilitar la comprensión entre personas de distinta nacionalidad. En manera alguna ha significado el Esperanto una tendencia a la supresión o sustitución de los idiomas nacionales por un idioma único para toda la Humanidad. Los esperantistas sólo aspiran a que todo el género humano pueda comprenderse cuando precise establecer relaciones entre personas o colectividades de distinta habla. Este objetivo, tan claramente expuesto, desde el principio de la existencia del idioma auxiliar, por su genial inventor, el Doctor Zamenhof, ha sido, sin embargo, mal comprendido, tergiversado o, simplemente, ignorado por muchos de los que, basándose en esta errónea idea, han combatido al Esperanto. En esta torcida interpretación de los fines perseguidos por los esperantistas, se fundan muchos prejuicios contra este idioma, a pesar de que la realidad, que, por lo demás, es muy lógica, demuestra lo contrario.

Todo el mundo puede y debe utilizar su propio idioma para las mil necesidades de la vida diaria, pero esto no obsta para que, en ocasión de trato con un extranjero, se deba disponer de un idioma neutral, fácilmente asequible para todos, que sirva para evitar el mutismo o el tartamudeo internacional. El idioma propio es, además del normal vehículo que relaciona a unos y otros dentro del ámbito nacional, algo muy precioso, algo así como la historia viva de la patria, ya que, en cada palabra, en su etimología, en su flexión, en su prosodia y hasta en el peculiar acento regional con que se le sazona, hay un tesoro de historia, de labor fonética de siglos y de generaciones, de recuerdos de luchas, de invasiones, de asimilación de vocablos extranjeros.

de normalización y amansamiento de asperezas momentáneas... Todo ello constituye como un monumento vivo a las generaciones que vivieron, lucharon y murieron para prepararnos un mundo más amable que el que les dió la luz. Esa inmensa, inconmensurable labor de nuestros predecesores no debe ser ignorada ni desagradecida, por parte de las generaciones que les siguieron y les siguen. Sin esforzar mucho la imaginación, nos podemos figurar cuales serían los recursos lingüísticos de los hombres de la edad de piedra, comparados con los sutiles malabarismos de Espronceda o Rubén; algo así como la diferencia que existe entre una jabalina de madera y un moderno proyectil dirigido. ¡Cuánta diferencia, cuánta labor y, además, cuán ignorado mérito! Por eso, al emplear nuestro idioma patrio, no solamente debemos esmerarnos en ser pulcros, para sacar de él el mayor provecho posible, sino que, además, debemos considerarle con el respeto y cariño con que se trata una preciada herencia, de la que puede disponer hasta el más pobre, con tal de que sepa utilizar sus valiosos dones.

Si echamos, siquiera sea superficialmente, una mirada sobre el campo histórico actual, observaremos, en primer lugar, la inquietud de relación. Conferencias, congresos, comisiones internacionales, intercambios culturales, misiones intelectuales extranjeras en todos los países, etc., etc. Todo ello ha de conducir, necesariamente, si la Humanidad es lo suficientemente cuerda para no suicidarse en una trágica deflagración de bombas H, a un mayor acercamiento internacional, en el que, indefectiblemente, ha de notarse la falta de un idioma común y neutral. Nadie se extraña, hoy día, de que el castellano se use oficial y generalmente en toda España. Esto, sin embargo, hubiese sido considerado como una utopía hace tan solo seis siglos. Y dentro de poco, constituirá en Europa un caos intolerable e inadmisible la carencia de un idioma común para tratar, además de los temas científicos, técnicos y comerciales, los destinos de los organismos superestatales que rijan la vida colectiva de las naciones de nuestro viejo continente.

Los esperantistas actuales lo son, no solamente porque en el estado actual de utilización del Esperanto, consideran muy útil y práctico su empleo, sino, además, porque prevén la fecha, cada vez más próxima, en que los estados tengan que imponerlo por absoluta necesidad de suprimir el que ya es insultante estado de incomprensión. Cuando aún el latín era el idioma internacional, por lo menos para las personas cultas, nuestro gran Luis Vives, en su obra «De disciplinis», ya anunciaba: «Sería una felicidad si existiera un solo idioma que pudieran utilizar todas las naciones... Perecerá el latín, y entonces se originará una gran confusión en todas las ciencias, y los pueblos se considerarán extraños unos a otros». Si esto le parecía una gran desgracia a nuestro gran filósofo, allá por el primer tercio del siglo dieciséis, ¿qué nos tiene que parecer a nosotros, en la época de la radio, la televisión y los aviones a reacción? ¿No es una lástima poder oir por radio a Su Santidad, y, sin embargo, no poderle comprender? ¿No es un contrasentido poder televisar un discurso de Eisenhower, del que no se ha de entender nada? ¿Y qué papelito haríamos en Nueva York, después de cinco horas de vuelo, si no podíamos comprender a nadie? El mundo es un pañuelo, que cada vez queda más chico, y los esperantistas desean que se convierta en un solar en que la comprensión idiomática haga más factible la comprensión anímica. Que cada cual cultive en su país su propio idioma, con el mayor esmero y cariño. Pero que, al traspasar la línea fronteriza, no se caiga en el vacío hostil y desconsolador de la sordomudez, que deja a los seres humanos a un nivel inferior al de muchos irracionales de la misma especie.

*Extracto de una charla del Dr. Herrero, por la radio.*

Todo el mundo debe saber dos idiomas: el de su país y el Esperanto

# HISPANA KRONIKO

*SAMA DE LANGREO.* Radio Langreo daŭriĝas regule siajn duonmonatajn elsendojn pri Esperanto (ĉiumonate, la duan kaj kvaran ĵaŭdon laŭ ondo de 208'7 metroj, 1437 kc., je la 13,25 h.) Dum Julio kaj Aŭgusto ĝi elsendis jene: 14/7 pri «El Congreso de Esperanto en Gijón», 28/7 pri «Impresiones del Congreso de Esperanto», 11/8 pri «Un sermón en Esperanto» kaj 25/8 pri «Gijón ante el Congreso Esperantista». Ĉi tiuj elsendoj estas tre plaĉe aŭskultataj de la tuta ĉirkaŭaĵo, kaj la klopodoj de S-ano Collado kaj amikoj estas indaj je ĉies admiro.

*BILBAO.* La Esperanto-Grupo havas specialajn poŝtkartojn kun detaloj pri la esperantaj elsendoj de Radio Bilbao. Oni petas al ĉiuj samideanoj, mendi tiujn poŝtkartojn kaj sendi ilin al siaj korespondantoj kun la peto, ke ili aŭskultu tiujn elsendojn kaj skribu al Radio Bilbao.

*TARRASA.* En la Societo «Juventud Tarrasense» prelegis 20/8 S-ano V. Arís, kiu partoprenis la kongreson de Bolonjo, pri la temo «Vojaĝo al Italujo kaj la Universala Kongreso». En pasinta somero, la Tarrasa esperantistaro ĝoje akceptis en la ejo de la menciita Societo eksterlandajn gesinjorojn Holland, el Nepville, Illinois, Usono kaj samideanojn Heinrich Weimer kaj Klaus Dressing, el Kaiserslantern, Germanujo. Honore al tiuj samcelanoj oni aranĝis festvesperon. Gesinjoroj Holland prelegis pri sia patrolando, kun projekcio de belaj koloraj filmoj. La germanaj samideanoj ankaŭ paroladis kun entuziasma esperantista kaj pacifista sento. Amikaj grupvesperoj okazas en la Societo ĉiusabate, je la 22-a ĝis la 24-a horo, partoprenataj multnombre. Almenaŭ du ekskursojn ĉiumonate oni aranĝas al la ĉirkaŭaj pitoreskaj arbaroj, kaj estas menciinde, ke la samideanaro kantas popolajn melodiojn, tre lerte tradukitajn de S-ano Arís. Granda nombro da esperantistoj subskribis petskribon al la Ekscelenca Urbkonsilantaro, por ke inter la novaj stratoj oni baptu unu per la nomo de Zamenhof aŭ de Esperanto. Oni organizis novajn kursojn: por viroj, gvidanto S-ro Sebastián Chaler; por virinoj, gvidanto S-ro Arís; praktika supera kurso ambaŭseksa, gvidantoj ambaŭ menciitaj instruistoj. Loka ĵurnalo «Tarrasa Información» regule aperigas notojn kaj artikolojn favore al Esperanto. La movado tre bone marŝas en ĉi tiu urbo.—*Tiano.*

*SABADELL.* Oni propagandis per afiŝoj en montrofenestroj kaj per la Radioj «Juventud» kaj «Sabadell» la komenciĝantajn Esperanto-kursojn, menciante: «Esperanto agnoskita de la Unesko». La kursoj okazas en la Sociedad Coral Colón, en la Cooperativa La Sabadellense kaj en Tierra y Mar. Verŝajne, ĉi tiu lasta daŭrigos la pasintjaran prelegserion, kaj rilate tion, sonas la nomoj de S-anoj Dalmau, Gómez Ibars, Paluzie kaj Vilá. Esperanto-ekspozicion oni aranĝis en Sociedad Coral Colón, kun grandparte nova materialo. Oni disvendas loterion por Kristnasko.

*ONTENIENTE.* Centro Excursionista «Fontinient» organizis Esperanto-kurson, kie grupo da junuloj lernas la internacian lingvon kun granda entuziasmo; inter ili elstaras la prezidanto S-ro Albert, la sekretario S-ro Martí kaj la juna Calatayud. Gvidas la kurson la veterana esperantisto S-ro Leopoldo Soler. Ankaŭ oni kreis la sekcion Filatelo-Esperantistan kun la deziro interŝanĝi ĉiulandajn poŝtmarkojn. Oni petas al la tuta mondo alsendon de leteroj kaj gazetoj. Provizora adreso: Leopoldo Soler, Zapatería, Calle de la Iglesia 11, Onteniente, Valencia.

*VALENCIA.* Komenciĝis du Esperanto-kursoj: por komencantoj gvidas S-ro Emilio Prades kaj por progresintoj gvidas S-ro Luis Hernández. Partoprenas multaj gelernantoj. En la medicina valencia revuo «Ventanal Médico» aperis interesa propaganda hispanlingva artikolo de D-ro Ernesto Tudela, sub la titolo «Los congresos internacionales y el problema idiomático» (La internaciaj kongresoj kaj la lingva problemo).

# LA FINO DE LA MONDO

**Al la fervoraj pacifistoj, gesamideanoj Lencer, niaj usonaj geamikoj, tiom multe amataj de la hispanaj esperantistoj.**

La nunaj loĝantoj de nia planedo ne estas facile kontentigeblaj: ili estas pli tikliĝemaj ol siaj praŭloj antaŭ la malgrandaj ĝenoj de la ordinara vivado. Tamen, la faktoj pruvas, ke ni estas pli kuraĝaj ol la antikvuloj por alfronti la terurajn katastrofojn, kiuj de tempo al tempo ruinigas vastajn regionojn de la tero. Ni memoru, ekzemple, la priskribojn de angoro de niaj antaŭuloj sur la sojlo de la jarmilo, nur pro tio, ke falsaj disenditoj tamburadis por tiu miljaro la finiĝon de la mondo. Konforme proksimiĝis la fatala limtempo, la tiamaj vivuloj perdadis la saĝon kaj sin fordonadis al la senbridaj pasioj...

Inter ĉiuj malfeliĉegoj, kiuj povas fali sur la homan genton, la plej timegiga, sendube, estas la kliniĝo de la vivo al sia neniiĝo; nu, ĉi tiu evento ne maltrankviligas niajn gajajn kunvivantojn... Ni ne kapablas distrumpeti al la mondo ĝian finiĝon, ĉar ni ne estas profetoj; sed, kiel veraj pacamantoj ni rajtas heroldi ĝian finigon... De la tago, kiam la homo malkovris la atomenergion, la sorto de la tuta Kreitaĵaro pendas nur sur malforta fadeno; forlasita de la gvidado de Dio, la mondo estas nun detruebla de la mondanoj mem. ho ve!... Ĉi tiu senprecedenca risko eblas realiĝi en kiu ajn momento, ĉar en ĉiu ajn momento povus eksplodi la tria mondmilito, la lasta militego kaj militago, tiu, kiu ĉesigus ĉian ekzistadon sur nia terglobo...

En la jaro mil ne efektiviĝis la tuttera ekstermiĝo, ĉar la profetaĵoj estis malveraj; sed, antaŭ ol la jaro dumil povus okazi la nuligo de nia civilizo, la malestigo de ĉiu estaĵo, ĉar sub la aktuala militatmosfero, la antaŭdiro ne estas dubebla. Sekve de tio, se ni estas tiom aŭdacaj antaŭ la eksterordinaraj domaĝoj, kial ni ne forsavas la homaron el ĉi tiu mortdanĝero?... Eternan dankon do, el la kvar anguloj de la tero, al la kvar «granduloj» de nia Ero, se pace diskutante la primondajn aferojn, evitigas ili la universalan kataklismon, kaj venas fine la tempo, kiam niaj proksimuloj ĉesos esti... MULOJ unuj kontraŭ aliaj!

*Ricardo Quiles.*

---

# ESPERANTA REVUO PRI KULTURO

Multaj Esperantistoj ne scias ke ekzistas revuo, kiu sin direktas al tiuj uzantoj de nia lingvo, kiuj sin interesas pri kulturaj temoj kaj kiuj havas gradon de instruiteco de persono kiu finis la studon en mezgrada lernejo, seminario, altlernejo aŭ universitato. La nomo de tiu gazeto estas «Scienca Revuo», sed ne pensu ke ĝia enhavo estas specialisma, pure teknika aŭ nekompreneble scienca. Temoj el la sciencoj —naturaj same kiel sociaj— estas traktataj, sed ankaŭ ĝeneralaj kontribuaĵoj pri kulturaj temoj aperas en ĝi. Ankaŭ multaj el la prelegoj faritaj en Internacia Somera Universitato estas presitaj en ĝi kaj tio okazos ankaŭ en la estonteco.

La revuo estas grava speciale tial, ĉar la redakcio celas al konscienca uzo de nia lingvo kaj konscias pri la skema karaktero de Esperanto ĉe la kreado de novaj esprimoj kaj vortoj, necesaj ĉe la traktado de tiuj temoj el nia kultura vivo, ĉe kiuj Esperanto ĝis nun estas malmulte uzita. En «Scienca Revuo» aperas ankaŭ la komunikoj de Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE).

La revuo modeste vivadis 6 jarojn, prezentante 160 paĝojn jare, partnombre ilustritajn, en 4 kajeroj je la nenorme malalta abonprezo de 65 pes., kiu prezo ek de 1956 altiĝos je pli norma nivelo de pr. 100 pes.

Interesatoj povas peti provnumeron ĉe

*D-ro Daniel Llorens, Caballeros 9, Valencia*

Peranto por Scienca Revuo. Landa delegito de I. S. A. E.

# PRI ANTIBIOTIKOJ

Daŭrigo. Vidu N-on 73, Januaro 1955

Ĝis nun oni malkovris pli ol cent antibiotikojn, sed nur kelkaj el ili utilas, kaj agas kiel efikaj antibiotikoj, kaj nur kelkfoje agas kvazaŭ baktericidoj, t. e. eĉ detruas la mikrobojn.

Ilia uzado multvaloras, sed ni ripetas, ke la senkontrola apliko de antibiotikoj povas esti danĝera, ĉar multfoje okazas, ke krom ne sanigi la malsanulon, ĝi ebligas kaj okazigas novajn malsanojn.

Oni devas scii, ke ekzistas antibiotikoj taŭgaj kontraŭ la plej diversaj malsanoj, kaj malsanoj kuraceblaj per pli ol unu antibiotiko, kaj kompreneble, nur fakulo, post detala esploro de la malsanulo, povos ĉiukaze preskribi la plej efikan el ili.

La laikoj opinias ke oni devas kuraci ĉiajn malsanojn per antibiotikoj, kies multekosto prestiĝas ilin, kaj multfoje la kuracisto staras antaŭ la jena dilemo, ĉu komplezi la malsanulon kaj liajn familianojn, aŭ agi laŭ sia konscienco. Tial ke, la sankta devo de la kuracisto estas kuraci la malsanulojn kiel eble plej efike, por ilin sanigi, kiam tio estas ebla, aŭ mildigi iliajn suferojn, li honeste, ĉiam receptos la plej utilan kuracilon, kaj per ĝustaj vortoj 'li komprenigos al siaj klientoj ilian eraron kaj eĉ riskon.

La perturboj kaj malordoj kaŭzitaj de la antibiotikoj evidentiĝas ĉe la diversaj aparatoj de nia organismo, precipe, ĉe la digesta, bronkopulma, ĉe la sango k. c., kaj ankaŭ danĝeras la alergiaj kaj anafilaksaj reagoj de ili kaŭzitaj.

Tiaj perturboj okazas jen kiam oni englutas antibiotikojn. kiam oni injektas ilin —subhaŭten, envejnen, k. c.—, kaj eĉ kiam oni aplikas ilin kvazaŭ topikaĵon ĉe la haŭtvundoj aŭ ulceroj, kaj kiam oni diluas, ĉe la buŝo, pastelojn, pli aŭ malpli bongustajn, enhavantajn antibiotikojn.

Certas, ke tio okazas malofte, sed kiam okazas ĝi danĝerigas kaj kelkfoje eĉ morton okazigas.

Sendube, ebligas la gravajn perturbojn ia speciala ecaro de la individuoj aŭ speciala intesta flaŭro, kiujn nur sperta kuracisto povos esplori kaj adekvate kuraci.

Ordinare parazitas en nia intesto abundega kaj multspecia flaŭro, ne patogena, kiu jen ebligas la sintezon de la B-vitamino, necesa por nia vivado, jen malhelpas la reprodukton de patogenaj mikrorganismoj, t. e. ke la influo de kutimaj bonfarantaj loĝantoj kaj la efika agado de produktaĵoj de sia metabolo kontraŭ aliaj mikrorganismoj estigas ekvilibron, sed kiam la antibiotikoj detruas niajn defendantojn, estiĝas malekvilibro, kaj okazas, ke kelkaj el ili, kies reproduktado, kaj kresko estis ĝis tiam limigataj, multobliĝas rapidege, kaŭzas novajn malsanojn. aŭ pro subita mutacio ili fariĝas antibiotikrezistaj, kaj de tiu momento la antibiotiko ĝis tiam uzata ne efikas, kaj la kuracisto devas anstataŭigi ĝin per alia aŭ aliaj.

Krom tio, tiu malekvilibro ebligas la reprodukton de fungoj de la genro «monilio», rezistaj al la antibiotikoj, kaj kiuj atakas jen la buŝon, jen la inteston aŭ la anusrandon, kaŭzante ĉie ulceretojn kaj sekve hemoragiojn, pli aŭ malpli gravajn.

Kompreneble, tra la difektita mukozo, vera barilo defendanta la organismon, la mikroboj invadas la limfaparaton kaj la sangon kaj atingas la bronkojn, pulmojn, generaparaton k. c., kaŭzante novajn malsanojn, kaj kvankam malofte eĉ morton.

La diareo, grava komplikaĵo, okazas multfoje, kiam oni englutas iajn antibiotikojn.

Ĉe la sango la plej grava komplikaĵo estas la leŭko(cito)penio aŭ malpliiĝo de la leŭkocitoj, tial, de tempo al tempo, oni devas analizi la sangon kaj apliki la koncernan kuracilon.

Ĉu tiaj komplikajoj kaj malordoj estas eviteblaj? La idealo estus trovi antibiotikon atakantan nur la patogenajn mikrorganismojn, kaj ne tiujn, kiuj kunlaboras kun nia organismo en la digesto de iaj englutitaj substancoj (ekzemple celulozo) kaj kreas vitaminojn de la grupoj B kaj K, aŭ agas kvazaŭ veraj antibiotikoj kontraŭ malŝatindajn loĝantojn aŭ kontraŭ aliajn okazalvenintajn aŭ okazpatogeniĝintajn, pro ŝanĝo de la medio, sed, bedaŭrinde, ĝis nun, tio estas neebla.

La kuracisto, atente kaj konscie laborante, povas eviti multajn perturbojn kaj komplikaĵojn, jen per adekvataj kuraciloj jen restarigante la detruitan flaŭron.

Resume: Neniu dubas nek diskutas pri la efiko de la antibiotikoj, sed oni devas uzi ilin nur kiam ili estas nepre necesaj, neniam en banalaj kazoj, kaj ĉiam dum la necesa tempo, laŭ sufiĉa dozo, kaj sub la regado de kompetenta fakulo.

*E. Tudela,* Kuracisto.

# KANTO DE L' PERFIDO

**Unua premio en la Literatura Konkurso de la 16-a Hispana Esperanto-Kongreso (Originala Prozo)**

Laŭ la Historio, en antikvaj epokoj, Evora, la arkeologia riĉa ĉefurbo de Alentejo, unu el la plej vastaj portugalaj provincoj, estis tre konata pro sia brilego kaj glorfameco. Ĝi estis la abunda, granda kaj luksega komerca ĉefurbo de Luzitanio en la antaŭtempo en kiu superregis Sertorio.

Skize mi rakontos al vi popolan legendon. Per ĝi, en pasintaj jaroj, la bonkoraj avinoj streĉis la atenton de siaj genepoj ronde sidante ĉe la fajrejo. Sed prefere ni aŭdos ilin. Cetere, 'pli bone ol mi, la blankharaj kaj sulkiĝvangaj maljunulinoj sukcesos kapti la indulgan atenton de la aŭskultantaro.

... Iam —tiutempe reĝis Alfonso I, aŭdaca batalanto— Geraldo, rifuĝinta nobelo,— tion asertas la tradicia fabelo— per farota heroaĵo, pretendis forgesigi aregon da abomenindaj krimoj kaj malhonoraj friponaĵoj.

Per bravegaj faroj li provis atingi la reĝan pardonon. Iun tre riskan projekton li preparis. La fama maŭra kastelo, onidirite nevenkebla, la reĝon tentis delonge. Freneza entrepreno. Tamen, Geraldo, la sentimulo, ne hezitis.

Li pripensis disbatadi la islamidan armeon, kaj poste demeti ĉe l' piedoj de sia monarko la disrabitajn trezorojn kaj aliajn preneblajn riĉaĵojn. Tiuintence, ruze kaj kaŝeme, li rondiris la fosaĵon, kiu defendis la krenelan fortikaĵon.

La legendo detale konigas, ke li malice amindumis Alfaima-n, agarida, svelta knabino, nigrokula kaj brunhaŭta. Ŝi iluziiĝis pro liaj malsinceraj ampromesoj kaj sin donis al li sensperte kaj naive. Ŝia pura amo vibrigis la internajn kordojn de la koro, kiu saltadis en ŝia brusto, kiel senfina kaskado en brua akvujego.

—Li estas bela kiel genio. Mi tro multe lin amas. Mian tutan vivon, eĉ la propran animon, ĉion mi al li fordonos senpripense. Patrujon! Rason! Religion! Pro li mi ĉion volonte forgesos. Neniel min interesas vanaj antaŭjuĝoj. Islamidaj dioj, volu ke nia korligo ne pereu! Ho, ĉiopova Alaho! Ho, Mahomedo, pardonon! La bona anĝelo Israido benu nian laŭkoran edziĝon! Bedaŭrinde mi estas ismaelida, lia religia kontraŭulino! Se li estus mahometano, li estus la edzo tre amata; kiel luzitano, li estos la amanto nepre obeata.

Kompatinda junulina koro, se forta amo delogas la inon de la devo!....

La trompemulo emis eniri en la remparojn. Simplanime, kiel infana rideto, la ĉarma hurio donis al li la pacience atenditan okazon. La perfido ofte trompas ies ajn konfidon, eĉ kiam lojalas la plej sincera amo.

Ŝi pensis ke la amato nur avidis penetri en ŝian etan dormĉambron de diskreta virgulino. Amo estas dolĉa konfuzo de plej diversaj sentoj. Iluziigita ŝi konsentis. La horo konvena eksonis. Iu alproksimiĝis. Febra agitiĝo ŝin skuetis. Ŝia sango bolis de pasio.

—Ho ne batu, mia koro!

For, la ventego fajfe blovis. Pasio similas jen muĝantan ŝtormon, jen plaŭdantan maron senĉese moviĝantan. Tremante ŝi malfermis la pordegon kaj rigarde esploris la ĉirkaŭaĵon. La nokto estis dense malhela. La zigzagaj fulmobriloj eligis subitajn eklumojn, kiuj nedaŭre videbligis la senliman ebenaĵon. La fulmotondroj interspace eksplodis timege. Tra la nigra firmamento la elementoj furiozis.

—Ĉielo, kia teruro!

Ŝi plorsingultis dolore kaj pro ina impresebleco. Tuj, per ensorĉanta voĉo, li kvietigis ŝian profundan aflikton.

—Ĉarma virino, anstataŭigu je zefiro la tempeston!...

Daŭris la sama nigra nokto. Tra la ĉielo senstela, la muĝado de ventego uragane audiĝis.

Subite, ŝi surgenuiĝis pasie bela. Sensenca, al malfidelulo ŝi ne pensis fordoni la eniron de l' fortikaĵo. La trompkvietiga voĉo de la amato estis krepuskruĝo ekheliganta la mal-

lumon. Ŝi nur kredis malkovri la sekreton de sia virga sino, parfumita kaj varmeta. Ebriiga momento de tutkora pariĝo!...

Sed ŝi tuj konstatis la kaŝitan kialon de liaj hontindaj, mensogemaj amĵuroj. Neatendite, io stranga okazis. La sonĝo malaperis, la bela fantazio disreviĝis. La homaĉo ekscitita, incitiĝema forpelis la tre dolĉan iluzion. Kiel rabia besto, li ŝin puŝis per kubutfrapo kaj impetis kontraŭ la flanka turo.

— Kia malbona anĝelo vin prenis? Kontraŭ kiun vi atencas? Per ĉielo!

Li ne respondis. Kiel impulsita de neimagebla krueleco, li ekatakis la gardistojn. La ruĝa sango fluis. Unu post alia, la proksimaj gardstarantoj falis. La sangoavida murdisto ŝajnis ne viro, sed ululanta sovaĝa lupo. En la postenaj budoj, la arabajn soldatojn surprizitajn, kiuj ne atendis la embuskon, li mortigis.

Kun timegiga, frapante aŭtoritata aspekto, simile al iu mita supernatura estaĵo, la luzitana estro, retrankviliĝanta ebligas la eniĝon en la turojn kaj remparojn. La bando fariĝis hordo. Kreskanta soldatamaso invadis rapide la laŭdirite nepenetreblan fortikaĵon. La infantanoj svarmis en la kastelo, surgrimpis la supron de la krenelaj muroj, tra kiuj la maŭroj, iom post iom, malpli ofte pafadis. La rajdantaro, en polva nebulo, moviĝanta ĉiuflanke, alproksimiĝis al la citadelo. Tumulte, kun kriega eksciteco, la luzitanoj konkeris la araban fortikaĵon. La garnizonon, ekfreneziĝintan, sin ne antaŭgardante, la diablidoj, superforte, trapikmortis per spado...

..................

Laŭ la legendo, la svelta hurio, de gracieca deteniĝo, timegigita pro la eksterordinara abomeno, sin ĵetegis el danĝera roka supro. La ŝtona abismo englutis la delikatan korpon de la enamiĝinta knabino. Kun la putriĝanta karno, la profundegaĵo gardis la nemorteman kaj nedifekteblan amsenton de la bela ĉastulino....

..................

La kanto de l' perfido, kiel veo,
Singultis noktfantomo ĉe moskeo.

*Adolfo Augusto Nunes.*

---

# AL NAJTINGALO

**Dua Premio en nia Literatura Konkurso (Traduka Poezio).**

Kantu dumnokte, kantu dummatene,
najtingal', en l' arbar', pri amdoloro,
ĉar perloploros ja, ĉe via ploro,
matenkrepusko sur la florojn treme.

Sub ĉiel' luma amarant-rubene
venteto de l' vesper' de flor' al floro,
je la vana espero, je l' rigoro
de via trista amo, spiros ĝeme.

Dum la serena nokt', je l' brilo pura
de la silenta luno, la lamento
eĥos tra la arbaro riĉfolia;

kaj por sia langvoro dolĉ-plezura,
kvazaŭ plaĉa balzam' al la turmento,
konsolos via voĉ' al ploro mia.

*José de Espronceda.* **Trad. Luigi Minnaja.**

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj. La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**FUNDAMENTA KRESTOMATIO de D-ro L. L. Zamenhof. 17-a eldono, kun notoj kaj klarigoj de William Bailey kaj W. J. Downes. Eldonita de «The Esperanto Publishing Company» 1954. Tole bindita. 446 paĝoj, 20 x 13 cm. Prezo: 100 pesetoj. Akirebla ĉe Libro-Servo de la Hispana Federacio.**

Precipe nun, en plene fluanta tajdo de nia literaturo, kiam la anguloj de recenzejoj postulas pli kaj pli da spaco, por kritikaj raportoj pri daŭre aperantaj broŝuroj aŭ libroj, kelkaj el ili treege valoraj, iĝis plej sentebla la manko ekzistanta pro longjara elĉerpiĝo de la Fundamenta Krestomatio, tiu nepre obeinda konsultilo kaj ŝatata klasikaĵo, kiu ja estas ankoraŭ —kaj tion oni ne forgesu!— la granita fundamenta bazo, kiel firma garantio de efektiva solideco kaj unueco, por la konstruaĵo jam impona de nia literaturo.

La brava salutinda iniciatemo de la aktive konata eldonejo, kiu entreprenis la reeldonon de tiu fervore dezirata verko, solvis la problemon kaj meritas tial la sinceran dankon de ĉiu konscia esperantisto. Cetere, la gradoj de tiel nobla sento kreskos varme en intenseco kaj atingos kulminon de admiro, kiam oni posedos la libron kaj oni rigardos —kiel nun mi plezure rigardas— la bonegan aranĝon de ĝia materia flanko: Bela preso per klare legeblaj kaj elegantaj litertipoj, dika tre bonkvalita papero kaj tola bindaĵo, kun oraj kaj verdaj titoloj sur la hela milda fono de fortika kovrilo. En sobra enkonduko, per agrabla hejmeca maniero, S-ino Wanda Zamenhof, bofilino de la Majstro, bonvenigas la novan eldonon. La nomita saluto estis ŝia cigna kanto, ĉar preskaŭ tuj poste ŝi pereis en fatala akcidento.

Sed, plej grava novaĵo en ĉi tiu 17-a eldono de nia kara Krestomatio estas la notoj kaj klarigoj unue faritaj, jam antaŭ dek jaroj, de S-ro William Bailey kaj, post lia forpaso, de S-ro W. J. Downes, laŭ rekta komisio de la eldonejo mem. Mi rapidas trankviligi diri, ke la originala teksto restas senŝanĝa, sekve de prudenta decido en publika literatura kunveno, dum la Universala Kongreso en Zagreb, 1953. Feliĉe, dank' al tio, la klarigoj kaj notoj— centoj da ili!— modeste situas piede de la paĝoj. Legante la koncernan antaŭparolon, oni scias iom detale pri la specifa laboro, kiun ambaŭ ekspertoj plenumis en sia revizio. Tamen, pri ilia ***revizio*** mem aŭ pri la ***bezono*** de ilia revizio, certe ekestiĝos multe da opinioj kaj ankaŭ multe da juĝoj, kredeble ne ĉiuj favoraj...

Efektive, kvankam granda elcento de tiaj notoj atestas pri skrupula zorgo en tiel delikata kaj tikla laboro, prezentante ĝustajn korektojn antaŭ evidentaj nekonformaĵoj, multaj aliaj rimarkoj respegulas nur personajn gustojn de la reviziintoj, anstataŭ forigendajn makulojn de faktaj neperfektaĵoj, eĉ en la okazoj kiam —iom aroge— oni pretendas interpreti aŭ diveni tiurilate la pensojn de Zamenhof.

Estas sciate, ke nia unua klasikulo ŝatis uzi diversajn formojn, proksimume egale trafajn, por ke el inter ili la ĝenerala knedado de la lingvo faru plej taŭgan elekton. Se la Akademio oficiale silentas ankoraŭ pri tio, tute konsekvence ***ankoraŭ*** neniu rajtas, en fundamente gvida libro, tiri imperative definitivajn konkludojn. Por mia ***persona*** gusto, estas ĝena —en paĝoj kaj paĝoj— la insista kaj preskaŭ sistema ŝanĝo de la formo ***multaj*** aŭ ***kelkaj*** per tiu alia dubinde pli korekta aŭ pli logika, sed certe pli rigida, de ***multe da*** aŭ ***kelke da,*** precipe en frazoj kie suferas la flueco de la stilo pro ofta najbareco de la prepozicio ***da*** ĉe la sekvaj vortoj.

Ankaŭ ne facile komprenebla, almenaŭ por mi, estas la ***devigo*** nepre ŝanĝi la lokon de la negacio en frazoj jam kutimaj kaj plene ortodoksaj, kiel tiu: ***vi ne devas dormi,*** transformita je nomo de lasthora logiko jene: ***vi devas ne dormi.*** Nu, anstataŭ longe babili, mi preferas represi kelkajn vortojn de Zamenhof, el la antaŭparolo al la 5.a eldono, kiuj en ĉi tiu 17-a fariĝas aktualaj: «Dum la trarigardado mi trovis diversajn esprimojn, kiuj siatempe ŝajnis al mi bonaj, sed kiuj nun al mi ne plaĉas kaj kiujn mi volonte ŝanĝus; mi tamen tion ĉi NE faris, ĉar mi estas konvinkita, ke por verko, kiu havas la celon subtenadi unuformecon de stilo inter ĉiuj esperantistoj, severa kons-

tanteco estas multe pli grava ol plena perfekteco». Kie do pli da logiko?

La spirita valoro de klasika verko en ajna lingvo, ĝia plej loga beleco, ĝuste troviĝas en la magie vualita ĉarmo de ĝiaj arkaismoj, romantike eligantaj subtilan aromon de pasintaj epokoj. Detrui tiun naivan sorĉon, per *raciaj* terminoj aŭ formoj nuntempaj, estas kvazaŭ atenco kontraŭ la pia respekto, kiun oni ŝuldas al la memoro de antikvaj stilistoj. Klasika verko estas literatura relikvo kaj ne seka mumio por sciencaj analizoj; preferinde estas do lasi sen komentoj eksmodiĝintajn terminojn, ol perforte aliigi ilin en teknike ***korektajn*** nuntempaĵojn. Sufiĉas, laŭ mia opinio, kaj fideme tion mi proponas por estontaj eldonoj de niaj klasikaj juveloj, fari —laŭ modelo de «Originala Verkaro» kaj «Leteroj de D-ro Zamenhof»—nur tute simplajn klarigojn pri la primitiva senco, ĉe konfuzaj aŭ malklaraj konceptoj, ***kie ili reale ekzistas,*** kiel oni kutime faras en nacilingvaj verkoj, sed ĉiam plej objektive, neniam laŭ persona prefero, eĉ plej bonintenca; ĉar, ne elirante el la kadro de nia propra literaturo, mi kuraĝas laute aserti, ke malpli da klarigoj aŭ komentoj bezonas ankoraŭ nun, eĉ por ordinara progresanto, iu ajn peco de niaj gloraj klasikuloj, ol multaj tekstoj libere pompantaj sur la suferemaj paĝoj de modernaj aŭ, pli trafe dirite, ***modernistaj*** libroj...

Resume, eĉ rekonante pozitivajn meritojn en la malfacila tasko plenumita de S-roj Bailey kaj Downes, kies kompetentecon neniel mi metas en dubon, mi konsideras devon averti ĉiujn respondeculojn pri la riskoj krei danĝeran precedencon por eblaj reaperigoj de aliaj klasikaĵoj. La temo estas sufiĉe grava por ke similaj avertoj trovu adekvatan resonon; ĉar, se vane ili perdiĝus en la senlima dezerto de la indiferenteco, oni rajtus amare dedukti, ke ĝuste nun, kiam emfaze oni klopodas fiksi jam la organizajn principojn de nia Movado, oni submetas al kontrolo de privata kriterio tradiciajn normojn, kiuj nur konservante siajn karakterizajn formojn gardas la unuecon kaj garantias la naturan evoluon de la sola elemento, kiu vere pravigas ĉiujn ceterajn klopodojn: Esperanto, nia kara lingvo!

LUIS HERNANDEZ

# ESPERANTO EN LA RADIO

**Hispana tempo**

| | | |
|---|---|---|
| *Lundo* | 23'45 - 24 | Hilversum. 402 m. (nur unu fojon ĉiumonate). |
| *Mardo* | 12'45 - ? | Palamós. 300 m. |
| | 12'55 - 13 | Bern. 48'66 m., 31'46 m., 16'87 m. |
| | 15'30 - 16'00 | Ljubljana. 327 m., 211 m. |
| | 18'35 - 18'40 | Bern. 48'66 m., 31'46 m., 16'87 m. |
| *Merkr.* | 16'30 - 16'40 | Wien. 203 m., 48 m., 41 m., 30 m., 25 m. |
| | 17'00 - 17'10 | Caramulo. 205 m. |
| | 18'55 - 19'10 | Roma. 50'34 m., 41'15 m., 30'90 m. |
| | 23'05 - 23'15 | Wien. 513 m., 48'74 m., 25'46 m. |
| | 23'15 - 23'20 | Hilversum. 298 m., 188 m. |
| *Ĵaŭdo* | 7'45 - 7'50 | Perpignan. 202 m. |
| | 9'30 - 9'45 | París. 348 m., 249 m. |
| | 12'55 - 13'00 | Bern. Kiel marde. |
| | 13'25 - ? | Langreo. 208'7 m. (nur dua kaj kvara ĵaŭdo). |
| | 18'35 - 18'40 | Bern. Kiel marde. |
| | 23'45 - 24'00 | Zagreb. 264 m. |
| *Vendr.* | 18'15 - 18'45. | Valencia. 200 m. |
| | 18'55 - 19'10 | Roma. Kiel merkr. |
| *Sabato* | 18'45 - 19'00 | Barcelona. 360 m. |
| | 23'15 - 23'20 | Hilversum. 402 m. |
| *Diman.* | 24'00 - 24'30 | Bilbao. 264 m. |

---

**LOETSCHBERG / Svislando.** Bela fervoja prospekto en Esperanto. Senpage havebla ĉe «Informservo de BLS», Genfergasse 11, Bern, Svislando.

La svisa fervoja societo Bern-Loetschberg-Simplon (BLS), kiu funkciigas unu el la du grandaj transalpaj linioj en Svislando, ĵus eldonis 16-paĝan prospekton en Esperanto, kiu elstaras pro sia beleco. Ĝi ne nur priskribas la pitoreskan veturon de Bern trans la alpojn al Brig kaj Italujo, sed samtempe prezentas en multaj koloraj bildoj la kompletan imponan panoramon laŭlonge de la tuta linio.

# DIVERSAĴOJ

*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos librопremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 15ª de Decembro.*

Jenaj samideanoj sendis korektan solvon de la enigmo n.º 23: O. Corrons, E. Miralles, A. Candela, A. Madriles, P. Naranjo, S. Roca Rodó, J. M. Fontcuberta, A. Núñez Dubús kaj A. P. Saura. Kaj de la enigmo n.º 24, O. Corrons, E. Miralles, A. Candela, M. Fernández Méndez, A. Madriles, A. Escamilla, P. Naranjo, S. Roca Rodó, J. M. Fontcuberta, V. Monsalve, R. Albero, A. Núñez Dubús, M. Ruiz Cubiles, V. H. Llusera, A. P. Saura kaj J. A. Daniel.

SOLVO DE LA ENIGMO N.º 23

$$10\,(X-200{,}000) + 2 = 3X$$
$$10\,X - 3X = 2.000{,}000 - 2$$
$$X = 1.999{,}998 : 7 = \underline{285.714}$$

Se oni preferas la analizan metodon, ĉar ĝi perfektigas nian rezonadpovon, jen la klarigo: Trioblo de la lasta aŭ sesa cifero originala devas doni du unuojn laŭ la problemo. Ni vidas en la marĝena tabuleto ke tiu lasta cifero devas esti 4 kaj estiĝas unu deko. Trioblo de la antaŭlasta aŭ kvina devas doni 4-1 = 3. Kvina cifero = 1. Trioblo de la kvara devas doni 1. Do, ĝi estas 7 kaj ni transportos 2 dekojn. Trioblo de la tria cifero devas doni 7—2 = 5. Do, ĝi estas 5 kaj por transporti 1 dekon. Trioblo de la dua devas esti 5—1 = 4. Tial, la dua cifero estas 8 kaj estiĝas 2 dekoj kiuj estas la unua cifero.

| Mult. | | Unuoj |
|---|---|---|
| 1.ª | | 3 |
| 2.ª | | 6 |
| 3.ª | | 9 |
| 4.ª | 1 | 2 |
| 5.ª | 1 | 5 |
| 6.ª | 1 | 8 |
| 7.ª | 2 | 1 |
| 8.ª | 2 | 4 |
| 9.ª | 2 | 7 |

SOLVO DE LA ENIGMO N.º 24

***Horizontale:*** 1 Ento, Ekio. 2 Inteligenta. 3 Et, Mizer, Ne. 4 Bru, Vic, Ter. 5 oerA, Damo. 6 Persekuti. 7 Arto, Muld. 8 Per, Aŭl, Opi. 9 uN, amaiT, Mo. 10 Dialektikoj. 11 Stel, oniK.

***Vertikale:*** 1 iebO, Apud. 2 Entreprenis. 3 Nt, Uretr, At. 4 Tem, Aro, Ale. 5 Oliv, Amel. 6 iziretŭaK. 7 Egec, Lito. 8 Ker, Dum, Tin. 9 In, Tatuo, Ki. 10 otnemilpmoK. 11 Aero, Dioj.

ENIGMO N.º 27

La fervojistoj, de J. M. Fontcuberta.

En iu vagonaro iras jenaj servistoj: maŝinisto, helpmaŝinisto kaj biletkontrolisto, kies nomoj estas Petro, Paŭlo kaj Johano. Inter la pasaĝeroj vojaĝas tri, nomataj S-ro Petro, S-ro Paŭlo kaj S-ro Johano. S-ro Johano loĝas en Lérida. La biletkontrolisto loĝas inter Lérida kaj Barcelono. S-ro Petro havas jarsalajron de 23.345 pesetoj. La pasaĝero kiu loĝas pli proksime al la biletkontrolisto havas ĝuste trioblan jarsalajron ol tiu ĉi. Paŭlo ŝakludas pli bone ol la helpmaŝinisto. En Barcelono bredas anserojn la pasaĝero nomata same kiel la biletkontrolisto.

Kiel estas nomata la maŝinisto?

ENIGMO N.º 28

Krucvorta enigmo, de J. Devís.

Sama figuro de antaŭaj numeroj.

***Horizontale:*** 1 (Inv) Aldona. Rilata al iu aparta branĉo de scienco. 2 (Rad) Inda je memoro. 3 Sufikso signifanta parteton. Haroj de vangoj k mentono. Nedifina pron. 4 (Rad) Laŭtigi la voĉon por venigi iun. (Rad) Vasta etendaĵo de sala akvo. Malintensa. 5 (Inv) Manĝaĵo farita el knedita k bakita faruno. (Rad) Faŭko ĉe la ŝipa pruo tra kiu pasas ĉenoj. 6 (Rad) Instrumento por mezuri la forton k rapidecon de la vento. 7 (Inv) Ordiga numero. Maceris tekseblan planton en likvaĵo. 8 Mallongigo de «kaj tiel plu». (Rad) Deziri. (Rad) Malgrasa. 9 Resenda pronomo. (Inv) Rilata al iu speco de pino. Atentiga interjekcio. 10 Persono kiu iras kun alia. 11 Narkota substanco. Akra laŭta voĉsono.

al la paĝo 231

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Sendis tradukojn de la tasko de Aŭgusto-Septembro jenaj samideanoj: V. H. Llusera, L. Santamarina, A. Madriles, A. Núñez, A. Candela, R. Albero, A. Pérez Saura, E. Pons, J. Saladrigas, J. Anguita, V. Monsalve, S. Roca Rodó, M. Fernández, A. Escamilla, O. Córrons kaj J. A. Daniel.

*Jen unu el la plej korektaj tradukoj:*

La senditoj montris la cinamon, la pipron kaj aliajn spicojn, kiujn la Admiralo donis al ili, kaj ĉiuj indianoj diris per gestoj, ke pri ĉi tio estis multe en la lando, sed ne tie mem, sed sudoriente. La eterna aserto, kiam oni montris al ili oron, perlojn aŭ spicojn. Pri ĉio estis, sed ĉiam pli malproksime. Konvinkitaj pri tio, ke ili vidos nenion pli, entreprenis la vojaĝon returne al la marbordo, kaj multaj homoj de tiu vilaĝo volis ilin akompani, certaj ke tiel, ili iros rekte al la ĉielo. Unu el la estroj revenigis tiun homamason, kaj li, lia filo kaj amiko estis la solaj, kiuj akompanis la blankulojn al la maro.

***Kiel novan taskon, ni prezentas pecon de la romano de Pío Baroja, «El gran torbellino del mundo».***

**Los días de invierno fríos y lluviosos, Nelly los pasaba en su casa. Cuando se sentía activa y bien, hacía sus quehaceres cantando, limpiando el polvo con un aspirador eléctrico; arreglaba el fuego y después se sentaba a coser delante de la ventana del despacho. Desde allí se distinguía un gran panorama de tejados, que comprendía desde la torre de San Lorenzo, la iglesia mayor, que se presentaba muy a la derecha, hasta las torres de la iglesia evangélica alemana y la iglesia del Este, que se erguían en el extremo de la izquierda. Se veía desde la ventana grande una parte del muelle. La gente que pasaba en medio de la niebla y de la humedad, parecían motas negras en la atmósfera gris. Por entre los tejados sobresalían las cimas de los árboles sin hojas que bordeaban los canales. Por la otra ventana pequeña, que caía sobre la calleja, surcada por el canal, el espectáculo era distinto. Los remolcadores pasaban con un resoplido echando bocanadas de humo negro que enturbiaban el aire.**

Pri la nova sekcio «Por komencantoj» ni ricevis nur unu tradukon, kaj tio pruvas la malgrandan intereson, kiun ĝi renkontis inter niaj legantoj. Tial ni ne plu daŭrigas ĝin. Tamen la nombro de la tradukantoj de la sekcio «Lernu tradukante» kreskas de monato al monato, kio signifas ke ni iras laŭ bona vojo.

---



---

**el la paĝo 230**

*Vertikale:* 1 Filo de frato. Rilata al linio ĉirkaŭ kiu turniĝas korpo. 2 Scienco pri aerveturado. 3 (Inv) Aĉ. (Rad) Sofo. Kolektiva sufikso. 4 (Rad) Rondforma elstara parto de iu organo. (Rad) Klopodi. Havi inklinon por iu. 5 (Rad) Granda rivera platboato. Punbatilo. 6 De fonograf-aparato. 7 (Rad) Malsana stato kun alta korpa temperaturo. (Rad) Sovaĝa karnomanĝanta besto simila al granda kato. 8 Ludkarto. (Rad) Unu el la kvar koloroj de ludkarto. (Rad) Du. 9 Dependiga konj. (Rad) Spasme k bruege elpuŝi aeron el la pulmo. Pronomo. 10 Mezgrada diplomito. 11 Pagante, ricevas ion por ĝin uzi dum difinita tempo. Abrupta k kruda svingo.

Noto: Samideano J. M. Fontcuberta kaptis eraron; la difino de ARTO en la krucvorta enigmo n.° 24 estas malĝusta.

## La venonta Universala Kongreso okazos en Kopenhago

En la raporto de S-ano J. Juan Forné pri la pasinta Universala Kongreso en Bologna, enŝoviĝis eraro. (BOLETIN, N.°, 80-81). La venonta kongreso ne okazos en Oslo, sed en Kopenhago, Danujo.

---



---



---

● Dudek-kvin gelernantoj deziras korespondi kun geesperantistoj en ĉiuj landoj kaj interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn. Skribu al la kursgvidanto S-ro Emilio Prades, Derechos 39, Valencia, Hispanujo. Represo petata.

● F-ino Wanda de Castro, Praça Dom Silverio, 15, Barbacena, M. G., Brazilo deziras interŝanĝi poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn kun la tuta mondo.

● S-ro Henrique Mancel de Lima, Rua Francisco Vale, 109, Barbacena, M. G., Brazilo deziras interŝanĝi poŝtkartojn kaj poŝtmartojn kun la tuta mondo.

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej - horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

## DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 1782 pesetoj.**

**J. Parada, 10,—J. Arroyo, 5.—E. E. Yelland, 20.—V. Ortiz, 5.—F. Estruch, 15.—E. de los Toyos, 25.—S. Arizmendi, 25.—E. Moreno, 5.—F. Bayo, 50**

**Entute 1942 pesetoj.**

---

● F-ino María Alaceque de Oliveira, Rua Sena Figueiredo 90, Barbacena, M. G., Brazilo deziras interŝanĝi poskartojn kaj poŝtmarkojn kun la tuta mondo.

● F-ino Sonia Alves Cobra, Rua Moreira César 95, Barbacena, M. G., Brazilo deziras interŝanĝi poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn kun la tuta mondo.

● Juna atleto, pezlevisto, deziras interŝanĝi informojn esperante, angle aŭ hispane. S-ro Cubiles, Correos, Jerez de la Frontera, Hispanujo.

● 22 gejunuloj deziras amike korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn, belajn poŝtkartojn kaj naciajn kostumbildkartojn. Skribu al S-ro Rossi Emanuele, Viale Marius Rapisardi, 44 Catania, Sicilia, Italujo

PERIS-G. VÍA M. TURIA, 28 VALENCIA